Esperanto
V - 19120/1970



# ESPERANTISTO SLOVAKA

1

ELDONAS KULTURDOMO DE RSM MAŜINFABRIKOJ DE TURIEC POR SLOVAKA ESPERANTO-INSTITUTO
ADRESO: ESPERANTO, POŜTFAKO 80 MARTIN, ĈSSR - SLOVAKA SOCIALISMA RESPUBLIKO

## KOĽKO REČÍ VIEŠ, TOĽKORÁZ SI ČLOVEKOM???

Toto múdre príslovie /bez otáznikov/ sa cituje vtedy, keď sa niekto nechce, alebo ani po dlhých rokoch nie je schopný naučiť sa niektorej reči.

Príslušníci malých národov sú pravdepod. veľmi neinteligentní, lebo sa musia učiť veľa reči, ak sa pri svojej ceste po cudzích štátoch chcú dorozumieť s miestnym obyvateľstvom.

Príslušníci niektorých veľkých národov sa pokladajú za veľmi inteligentných už od narodenia, lebo sa nemusia učiť cudzím rečiam. Naopak, všade, kde prídu, očakávajú, že sa všade dorozumejú, lebo miestne obyvateľstvo "musí ovládať ich reč"! Ale každé prirovnanie kríva. Priznajme si všetci, koľko reči neovládame a tedy koľkoráz nie sme ľudia! Vezmime mapu a podívajme sa, koľko krajín je okolo nás, koľko národov žije tam a ďalej v Europe a ostatných kontinentoch. Nuž desaťráz, storáz nie sme ľudia? Či tisícráz?

Bol čas, keď sme - podľa vzoru niektorých veľkých národov - zanedbávali učenie sa cudzím rečiam, ale potom sme si uvedomili, že "Hosť do domu, Boh do domu" ako hovorí iné príslovie. Všetky štáty sa pýšia, koľko milionov, ba miliárd im priniesli do kuchyne fisku cudzinci, cudzinecký ruch. Teda cudzinec do domu - boh do domu, boh dolára, rubľa, marky, šilingu, dinára, leva, forinta, zlotého, líry, atď.

Vlani sme písali o Srbovi z Niše /Moma Krstič/, ktorý na motorke prešiel po Europe 4 000 km. Nevedel maďarsky, slovensky, česky, nemecky, dánsky, fínsky, estonsky, lotyšsky, litovsky, poľsky. Učil sa len ruštinu, ale chcel poznať živú reč. A predsa bol všade bol doma, vždy a všade bol človekom, lebo okrem svojej materinskej reči ovládal - medzinár. jazyk Esperanto!

No, my esperantisti sme ľudia jednoduchí, nemajetní a azda i preto nie je o nás taký záujem ako o bohatých cudzincov. Iz.

## ĈU KIOM DA LINGVOJ VI SCIAS, TIOMFOJE VI ESTAS H O M O ???

Tiun ĉi saĝan proverbon oni citas tiam, kiam iu ne volas lerni aŭ malgraŭ longjara studado ne kapablas ellerni ian lingvon /nature, sen demandsigno!/.

La malgrandnacianoj estas verŝajne tre neinteligentaj ĉar ili devas lerni multajn lingvojn, sed dum sia vojaĝo tra fremdaj ŝtatoj ili volas interkompreniĝi kun la loka loĝantaro.

La anoj de iuj grandaj nacioj konsideras sin tre inteligentaj jam de sia naskiĝo, ĉar ili ne devas lerni fremdajn lingvojn. Male, ĉie, kien ili venas, ili atendas, ke ili interkompreniĝos, ĉar la loka loĝantaro "devas scipovi ilian lingvon"! Sed ĉiu komparo lamas. Ni ĉiuj konfesu, kiom da lingvoj ni ne regas kaj sekve, kiomfoje ni ne estas homoj! Ni prenu la mapon kaj rigardu, kiom da landoj troviĝas ĉirkaŭ ni tie kaj plue en Europo kaj ceteraj kontinentoj. Do, ĉu dekfoje, ĉu centfoje ni ne estas homoj? Ĉu milfoje?

Siatempe - laŭ la ekzemplo de kelkaj grandaj nacioj - ni neglektis la lernadon de fremdaj lingvoj, sed poste ni konsciis, ke "Gasto en domon - Dio en domon" kiel diras alia proverbo. Ĉiuj ŝtatoj fieras, kiom da milionojn, kiom da miliardoj alportis en la fiskan kuirejon fremdlandanoj, fremdultrafiko. Do fremdlandano en la domon - dio en la domon, dio de dolaro, de rublo, de marko, de ŝilingo, de dinaro, de levo, de forinto, de zloto, de liro.

Pasintjare ni skribis pri serbo el Niŝ /Moma Krstiĉ/, kiu per motorciklo traveturis 4 000 tra Europo. Li ne sciis hungare, slovake, ĉeĥe, germane, dane, finne, estone, latve, litvane, pole. Li lernis nur la rusan, sed li volis ekkoni la vivan lingvon. Tamen ĉie li estis hejme, ĉiam kaj ĉie li estis homo, ĉar krom sia gepatra li scipovis - la Internacian lingvon. Sed ni esperantistoj estas simplaj malriĉaj homoj, do eble ankaŭ tial oni ne interesiĝas pri ni kiel pri riĉaj fremdlandanoj.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTISTA SKISEMAJNO en Vrátna-valo apud Terchová

IFES jam havas tradicion. En la pasintaj jaroj oni okazigis ilin diversloke en Aŭstrio. Antaŭ unu jaro ĝi estis en Werfenweg, kie partoprenis ankaŭ ano de Sekcio de Fervojistoj de Ĉeĥa E-Asocio. Estis interkonsentite, ke la venonta okazos en ĈSSR.

La Sekcio de Fervojistoj de ĈEA komisiis s-anojn Ladislav-on Láni kaj Ladislav-on Kovář pri la organizaj laboroj por la ĉi-jara IFES.

La intereso pri la skisemajno en eksterlando estis eksterordinare granda, sed pro malgranda litkapacito de la kabano "Chata pod Sokolím" ne estis eble akcepti ĉiujn aliĝilojn.

La 31-an de januaro 1970 en la kabano kunvenis 50 geesperantistoj el Francio, Okcidenta Germanio, Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio.

Krom kurso de skiado, kiu estis la ĉefa enhavo de la skisemajno, oni zorgis ankaŭ pri kulturprogramo: interkona vespero, amuzvespero kun komunaj ludoj, prezentado de diapozitivoj pri pasintaj skisemajnoj kaj ankaŭ pupteatra prezentado.

Meze de la skisemajno estis aranĝitaj 2 tuttagaj peraŭtobusaj ekskursoj al Altaj Tatroj. La partoprenintoj vizitis la sportejojn, kie estis okazontaj la Internaciaj FIS-konkuroj en nordaj disciplinoj.

La vizitintoj de la urbo Žilina trarigardis la urbon en akompano de la lokaj geesperantistoj. Post trarigardo de la urbo okazis komuna interparolado en la Domo de Sindikatoj, pri la Esperanto-movado. En la nomo de Esperanto-klubo ĉe Domo de Sindikatoj la ĉeestantojn salutis la prezidanto Miro Závodský kaj Ernesto Váňa, Delegito de UEA en la nomo de Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko kaj de la redakcio de Esperantisto Slovaka. En la nomo de la gastoj parolis s-ano Hans Geroldfinger el Aŭstrio, Denise Hervouet el Francio kaj D-ro Rudolfo Horský, prezidanto de Esperanto-klubo en Prago.

Fine de la skisemajno estis aranĝitaj lingvaj kaj skikonkursoj. La premiojn dediĉis Centra Administracio de ĈS Fervojoj, Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Domo de Sindikatoj en Žilina, bierfabriko Pilzena Prafonto, samideanoj Geroldfinger kaj Jozefo Mráz el Aŭstrio.

Vendrede la 6-an de februaro okazis adiaŭa maskobalo por la partoprenintoj. E-V.

--o--

BRILA SUKCESO DE LA INTERNACIAJ FISKONKUROJ en Altaj Tatroj 14-22.II.1970

La tiel zorge kaj grandskale preparitaj Fiskonkuroj, daŭrantaj pli ol unu semajnon, havis felicon. La unuaj kaj la lastaj tagoj estis sunaj, agrablaj, do nia "minialtmontaro" povis sin montri en sia plej imponа kaj nerefutebla beleco.

La solena malfermo, kun partopreno de ŝtatprezidento armea generalo Ludoviko Svoboda estis neforgesebla travivaĵo ankaŭ por mi, posedanto de unu el la honoraj invitiloj de la Organiza Komitato. Nome en la jaro 1934, en funkcio de sekretario de Slovaka Skiista Komitato de Asocio de Ĉeĥoslovakaj Skiistoj /en Bratislavo/ kaj de vicprezidanto de Asocio de Ĉeĥoslovakaj Skiistoj /en Prago/ por Altaj Tatroj mi elbatalis por la jaro 1935 la aranĝadon de FIS-konkuroj, kontraŭ Špindlerův Mlýn en Bohemio. La malavantaĝo de Altaj Tatroj estis manko de loĝlokoj, ĉar Štrbské Pleso tian estis malgranda klimata banloko kun nur kelkaj hoteloj, dum Špindlerův Mlýn povis proponi ĉion bezonan. Sed mi havis la plenrajtigon proponi la kunlaboron kaj ĉiuspecajn oferojn de ĉiuj banlokoj en Altaj Tatroj, sanatorioj kaj sanigejoj, kaj ke la unuopaj konkuroj tuŝu ankaŭ aliajn banlokojn krom Štrbské Pleso. En la decida plenkunveno de AČSL /AČSS/ mi pledis nature ankaŭ per "sentaj argumentoj" kaj venkis.

Mi loĝis en Tatranská Lomnica kun la ceteraj honoraj gastoj, inter ili kun la tiama sekretario Rudolfo Krňoul, referanto por eksterlandaj sport-aferoj D-ro Moser kaj Ark. Karlo Jarolímek, konstruinto de la unua saltponto en Štrbské Pleso /la t.n. Jarolímek-skiista-saltponto/. Sed kelkaj tagoj post lia hejmenveno sufiĉis por estingi la vivon de ĉi tiu eterna junulo kaj sportulo, kvankam jam 83-jara. Do ni povas nur kortuŝite kondolenci al liaj vidvino kaj familio!

Kiel esperantistoj ĉe FIS-konkuroj - ni malsukcesis. Kvankam oni promesis presigi ankaŭ esperantlingvajn aldonojn al la luksaj prospektoj, ja eĉ memstaran prospekton, oni ne plenumis la ripetitajn promesojn, do ni ne povis fari propagandon inter la tutmonda samideanaro. Parte kulpas ankaŭ ni, esperantistoj, ĉar kvankam mi dum tri jaroj klopodis varbi partoprenantojn por skisemajno en Altaj Tatroj, mi ĉiam fiaskis, pri kio la oficialuloj bone sciis! Sed pri tio venontfoje! Ludoviko Izák.

1. - A d r e s a  Z v ä z u:
Zväz esperantistov SSR dostal poštový priečinok na Hlavnej pošte v Bratislave. Bežnú korešpondenciu /prihlášky, hlásenia atď./ posielajte odteraz na adresu: Zväz esperantistov SSR, pošt. priečinok D-10, Bratislava.

2. - Esperantské  k l u b y:

T r e n č í n. - 1. Klub esperantistov pri Okresnej knižnici v Trenčíne. - 2. Adresa pre korešpondenciu: Klub esperantistov pri Okresnej knižnici, Jaselská ul. 2, Trenčín.- 3. Čas a miesto schôdzok: Každý pondelok o 18 hod. v čitárni Okresnej knižnice /vchod z Hviezdoslavovej ulice/.

N o v é  M e s t o n/V á h o m. 1. Meno krúžku: Esperantský krúžok pri ZV-ROH VÚMA, Nové Mesto nad Váhom.- 2. Adresa pre korešpodenciu: Mária Tomašovičová, Esperantský krúžok VÚMA, Nové Mesto nad Váhom.- 3. Schôdzky: Každý pondelok 14.30 - 16.00 hod. v Klube ZV ROH VÚMA.

/Doplnenie: Esperantský krúžok v Martine: Zimné schôdzky sa konajú každú stredu od 18. do 20 hod. v Dome kultúry ROH Turč. strojárne,III p.číslo izby 320, na Ulici Osloboditeľov. Autobusové zastávky sú v tesnej blízkosti/.

3.- 55. S v e t o v ý  k o n g r e s  E s p e r a n t a vo Viedni 7.VIII.1970.
Tatratour dosiaľ pevne zabezpečil jednu obývaciu loď /150 miest/. Cena zájazdu bude 1200-1400 Kčs; v tejto cene je cestovné, stravné, ubytovanie a vreckové 100 S. Kongresový poplatok nebude možno zaplatiť prostredníctvom Tatratouru - ani Zväz, ani Tatratour nemôžu na tento cieľ zaopatritť devízy. O možnosti zaplatiť kongresový poplatok v Kčs sa ďalej vyjednáva. Predbežné prihlášky posielajte na adresu: Zväz esperantistov SSR,pošt.priečinok D-10,Bratislava

4.- P r e d k o n g r e s  a  Druhý zjazd ZESSR v Bratislave koncom júla 1970.
Prípravu týchto dvoch akcií vedie 5-členný predkongresový výbor, na čele ktorého je s-ano Pavel Rosa, predseda ZESSR.

5.- E k u m e n i c k á  s e k c i a.
Členovia /i nečlenovia/, ktorí sa mienia zúčastniť na tohoročnom spoločnom zjazde IKUE - KELI, nech sa prihlásia na adrese: Martin Majtán, Rajecké Teplice 14, okres Žilina.

6.- D a r y.

Martin  B e n k a , národný umelec, Kčs 60.- Srdečná vďaka!

7.- V e ľ k ý  s l o v n í k  esperantsko-slovenský a slovensko-esperantský.
Slovník je už vysádzaný a dokončuje sa prvá korektúra sadzby. Hoci ide o veľké dielo, vydavateľstvo prisľúbilo dať ho do predaja ešte do osláv J. A. Komenského v jeseni t.r.

---

V š e t k y  s p r á v y  p r e  OFICIALA INFORMILO posielajte na adresu:
Ed. V. Tvarožek, OSVTEI, H o r n é  S r n i e , okres Trenčín.

---

U p o z o r n e n i e  r e d a k c i e  E.S.: nemôžeme dodať, neobjednávajte u nás:
Dr. Magda Šaturová: Ĉu vi parolas Esperante?
s l o v n í k y /Valašťan, Hromada, bratia Filipovci/
menoslovy zahraničných esperantistov pre korespondenciu /treba hľadať v Nuntempa Bulgario, Heroldo de Esperanto. Revuo Esperanto, Hungara Vivo atď./
Môžeme Vám dodať: Ed. V. Tvarožek: Základy esperanta.
Interesa legaĵo - zredigoval Aleš Berka.
Pre Vašich zahraničných korešpondentov odporúčame na výmenu divadolnú hru:
Peter K a r v a š : EKSPERIMENTO DAMOKLO, na adr. Esperanto poŝtfako 80 MARTIN
alebo priamo u vydavateľa: DILIZA, Bratislava, Ul. čsl. armády 31/III. Cena Kčs 16-

Kunveno

La 6-an de februaro ĉi-jara en Elektroteknika Fakultato Slovaka Teknika Altlernejo en Bratislavo, en laborejo de Neitus Lipták, kunvenis kelkaj teknikistoj-esperantistoj por interkonatiĝi kaj konsiliĝi pri la vojo irota. Partoprenis ankaŭ la prezidanto de Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko, Paŭlo Rosa. Por Teknika Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio ĉeestis Ing. J. Werner el Brno.

Jen skizo pri la traktitaj temoj:

- Slovaka kaj ĉeĥa teknikistaj sekcioj havu koordinitan laborplanon.
- En la unua etapo oni listigu ĉiujn alireblajn faklingvajn fontojn.
- Formiĝu laborgrupoj por ellabori bazajn fakvortarojn. Ili havu tradukojn en ambaŭ niaj naciaj lingvoj, ĉeĥa kaj slovaka.
- La terminologian laboron ligi al agado de naciaj lingvonormigaj organizaĵoj.
- La principaron por terminologia kaj terminara laboroj kompilos Ing.A.Bednarík /Svätoplukova C/6, SENEC, Bratislava-vidiek/.
- Sekvi la perspektivajn planojn por ellaborado de plurlingvaj fakvortaroj ĉe naciaj institucioj, kaj prikonsideri proponon pri akcepto de Esperanto.
- Postuli teknikajn kaj sciencajn bibliotekojn ŝtatajn kaj altlernejajn, ke ili mendu Plenan Ilustritan Vortaron de Esperanto /adreso de la eldonisto: S.A.T., 67 avenue Gambetta, PARIS - 20, Francio/.
- Instigi, ke ĉiu kunlaboranto verku unu sciencteknikan artikolon. Pri la maniero de publikigo traktos TS. La ĉefa celo: elprovi niajn fortojn.

En Slovakio estas kelkaj alte kvalifikitaj fakuloj pri konstruado de elektraj maŝinoj, ekz. Ing. Neito Lipták, Ing. Ivan Slávik, Ing. M. Vronský k.a. Ili proponas sian kunlaboron al Terminologia Centro de UEA. La adreso de la reprezentanto de teknikistoj estas jena: Ing. Neito Lipták, Medzilaborecká 9, Bratislava, ĈSSR-SSR.

Notis J.W.

--0--

TEKNIKA SEKCIO DE ĈEA INFORMAS /Sekretario: Ing.Jan Werner, Kroftova 64, BRNO/.

/Daŭrigo/. Duavice temas pri praktikado, artikoloj, simpozioj. Kaj denove estas necesa koordino. Ni klopodu pri individua kunlaboro kun eksterlandaj samfakuloj. Tre valora estas serioza pritrakto de iu ajn teknika problemo, se oni povas legi spertojn el pluraj landoj. Malperfektega funkciado de teknika kaj ekonomia informadoj estas ideala medio por la skizita aplikado de la Lingvo Internacia.

Plua resumo en punktoj:

- Zorgi, ke en ĉiu fako ni havu unu aŭ pliajn faklingvajn specialistojn.
- Zorgi pri praktikado de la lingvo, sed laŭeble en plej vasta internacia skalo; precipe okupiĝi pri konkretaj teknikaj problemoj.
- Havigi al niaj kunlaborantoj unue instru-materialon, iom post iom ankaŭ literaturon. Prizorgi ĉiun priteknikan eldonaĵon eksterlandan kaj prepari nin por propra eldona agado.
- Registri ĉiujn teknikistojn-esperantistojn en la lando, inkluzive la pasivajn, rekte ne kunlaborantajn.

Daŭrigi la fondadon de novaj fakgrupoj; zorgi, ke ĉiu faka grupo okupiĝu nur pri fakaj kaj faklingvaj aferoj. Evitadi administrajn temporabajn laborojn.

- Ĉiun administradon dume teni en la estraro, ne pro ia centralismo, sed pro liberigo de aktivaj laborantoj.
- Servi al la publiko per tradukoj de fakaj tekstoj, ekz. de uzina prospektoj.
- Publikigi en la gazetaroj nacia kaj esperantista, en- kaj eksterlanda.
- Post organiza konsolidiĝo kontakti kun la naciaj organizaĵoj de teknikistoj.

Mi finas per la vortoj de nia karmemora D-ro Stanislav Kamarýt: "La evoluo de la homa pensado tendencas al ĉiam pli granda precizeco. Ankaŭ la lingvo havas la saman tendencon. Videbla signo de tiu tendenco estas modernaj klopodoj por lingva normigo. Ĝi signifas, ke la vortoj havu precize difinitan sencon. En la unua vico temas pri terminoj teknikaj. Kaj ĉar tekniko estas pro sia esenco mem realaĵo internacia, nepre tia lingva normigo devas esti entreprenata en tutmonda skalo. Lingo Internacia estas por tio kondiĉo nepra..."

La gvidanto de TS ĉe AESSR estas Ing. Ivan Slávik, Nová Dubnica C-I-6/13, SSR.

/Rim. de la red.: Ni volonte aperigos priteknikajn mallongajn /resumajn/ artikolojn!

## Prekladanie ľudových a iných piesní.

S-ano Ed. V. Tvarožek poslal 2 prekl.:

### Keby som bol vtáčkom...

Keby som bol vtáčkom,
letel by som za les
pozrieť sa, čo robí,
pozrieť sa, čo robí
mamička moja dnes.

Košieľku mi perie,
na mňa si spomína:
"Vráť mi, Bože, vráť mi
vráť mi, Bože, vráť mi
toho môjho syna.

### Prišol by ja do vas...

"Prišol by ja do vas,
kebym ja smel,
keby sce mi dali,
co bym ja scel:
to dzifčatko švarne,
co ma očka čarne,
to dzifčatko vaše,
to bym ja scel.

Prišol bym ja do vas,
každy večar,
pred vašimi okny
veľky močar..."
"Preľož mily, družky,
prejdzeš poľahučky,
prejdzeš poľahučky
každy večar."

## Tradukado de popol- kaj aliaj kantoj.

S-ano Ed.V.Tvarožek sendis 2 tradukojn:

### Birde flugi volus mi...

Birde flugi volus
mi trans land arbara
kaj rigardi kion
faras ĉe ni hejme
panjo mia kara.

Ŝi ĉemizon lavas,
ĝemsopiras je mi:
"Filon mian foran,
miaj ĝojon solan
hejmenvenigu, Di'..."

### Al vi mi venadus...

"Al vi mi venadus,
se mi povus,
se vin patro via
al mi donus -
vin, filinon sian,
karulinon mian,
se li vin nur al mi
doni volus.

Sub fenestro via
akvo staras
kaj ĝi mian vojon
al vi baras..."
"Trans la akvon saltu,
ĉe l' fenestro haltu
kaj vi vidos kiel
mi vin amas." /Rim. de la red.: tradukita el Orient.slov.dialekto/.

—o—

S-ano Štefan R. Seemann poslal nám preklad himnickej piesne s poznámkou, že ju možno uverejniť v ES s podmienkou, že nezmení sa na ňom nič. Uverejňujeme ho tedy doslova i do litery.R.

S-ano Štefan R. Seemann sendis al ni la tradukon de la himna kanto, kun rimarkigo, ke ĝi povas esti aperigita eb ES, kondiĉe, ke nenio estos ŝanĝita. Do ni aperigas ĝin laŭvorte, eĉ laŭlitere.R.

### Hoj slovakoj
/Hej Slováci/

Hoj slovakoj viv-perzistas lingvo la gepatra
Ĝis fidelaj koroj pulsas por naci subtatra.
Vivas la spirit slovaka malgraŭ la insidoj,
Eĉ en estonteco per kor-fideleco gardos ĝin la idoj.

La trezoron lingvan donis nin Sinjoro Dio,
Do forpreni rabe rajtas nek iu, nek io.
Eĉ se l' tuta diablaro tion ekintencus,
Helpe de l' ĉielo ni la kontraŭulojn tute certe venkus.

Spite eĉ al uragano ĉion tremegiga,
Rok-kreviga, kverk-rompiga, vivon-pereiga,
Staros firme niaj vicoj, muroj la granitaj,
Nigra ter' fendiĝu, de ĝi perfiduloj estu englutitaj.

Krome ni ricevis du tradukojn de niaj legantoj, sed bedaŭrinde ili ne respektas la ritmon, ja eĉ ne la rimojn resp. estas senrimaj, do ne povas esti publikigitaj.

De s-ano Jiří Kořínek, Ústí nad Labem, ČSR, ni ricevis la jenan tradukon:

# H E J , S L O V A K O J !

/ Slovaka himneca kanto /

Hej, slovakoj, tra jarcentoj vivas lingvo nia,
nia koro en fidelo batas pornacia,
vivas, vivas vort' slovaka, de l patruj' spirito,
fulm , infero, vanas via firankora spito!

Di-donacon de la lingvo gardi brave sciu,
ĝin forrabi de ni rajtas en la mond neniu;
se diabloj eĉ laŭ nombro al homar' egalus,
Dio helpos, ke inferen kontraŭuloj falu. /x

Kaj se foje nian landon ŝtorm' terura premos,
roko krevos, kverk' rompiĝos kaj la tero tremos,
niaj vicoj staros firme kiel burgaj muroj,
nigra tero glutu tiam ĉiujn perfidulojn! 14.2.1970.

---

x/ eblas ankaŭ: malamikoj /noto de la aŭtoro/

Tradukado de popol- kaj aliaj kantoj ne estas facila afero, ĉar kiel ni skribis, la muzika akcento nepre devas koincidi kun la vortakcento. La akcento en la slovaka kuŝas sur la unua silabo aŭ sur la prepozicio, formanta kun la sekvanta vorto pli longan unuon. Ekz.: Okienko /Fenestreto/, sed: Pod okienkom, sonas - Podokienkom = Sub la fenestreto. Sed la kantligvo povas tute neglekti ĉi tiun regulon kaj akcenti Pod okienkom aŭ - sekvante la ekzemplon de kelkaj dialektoj /kiel la pola lingvo aŭ Esperanto: Pod okienkom. Jen la kutima nelogikeco de nacia lingvo, kiu tamen konvenakaze povas ĝin bonege utiligi, sed kion Esperanto kiel logika lingvo ne povas al si permesi. Krom tio mi volas vin atentigi pri kelkaj - tre gravaj - nuancetoj:

En januaro 1949 sur la 6-a paĝo de la 1-a numero de Esperantisto Slovaka /tiam presita revuo/ estis aperigita la teksto de la konata popolkanto "Sedemdesiat sukieň mala". Mia kunlaboranto kopiis ĝin laŭ sia memoro, ĉar ni ne povis trovi la originalon; aldoninte, ke ĝin tradukis Ján Valašťan Dolinský. Sed tiu akre protestis, do estis necese denove aperigi la nun jam ĝustan tekston. Vidu la delikatajn diferencojn inter la unua neĝusta kaj la dua ĝusta traduko, devenanta de Ján Valašťan Dolinský.

Sepdek jupojn ŝi ja havis,
tamen ŝi neniun ravis,
havaj mia: jupo sola,
al Vien' min oni volas.

Sepdek milojn ŝi ja havis,
tamen ŝi neniun ravis;
havaj mia: preskaŭ nulo -,
svatis min eĉ lipharulo.

Ĉe fenestro li saltadis,
kvar grosojn li proponadis -:
donu vian filineton,
prenu por ŝi ĉi moneton.

Jupojn sepdek ja ŝi havis,
tamen ŝi neniun ravis;
havo mia: jupo sola,
al Vien' min oni volas.

Milojn sepdek ja ŝi havis,
tamen ŝi neniun ravis;
havo mia preskaŭ nulo -,
svatis min eĉ lipharulo.

Ĉe fenestro li saltadis,
grosojn kvar li proponadis -:
"La filinon al altaro
donu al mi por groŝkvaro!" /JVD/

En la venonta numero de ES ni aperigos la ĝis nun venintajn kritikojn resp. rimarkigojn al la unuopaj tradukoj, do tiujn de Miloš Lukáš, de Jiří Kořínek /du/, de Ed. V. Tvarožek kaj de D-ro Tomáš Pumpr. Ni klopodos sinsekve aperigi ankaŭ la muziknotojn, por ke oni povu pli bone prijuĝi la taŭgecon de la unuopaj proponitaj versoj, esprimoj, vortoj de la tradukoj, ĉar ni volas, ke nia laboro estu kolektiva.

Samideanoj Miro Závodský kaj Ernesto Váňa jam delonge revas pri eldono de popolkanto-tradukoj. Ni povas nur bedaŭri, ke ne plu vivas Ján Valašťan Dolinský, kiu povus helpi al ni kompili la Bukedon kaj ĉion kontroli, korekti. Li tradukis multon: liaj tradukaĵoj estos firma bazo de la planata kolekto. Ili estis aperigitaj en la presita revuo Esperantisto Slovaka, poste en la Martina numero de Zprávy-Informoj de Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato, do longe post la morto de JVD, kaj fine kelkaj ankaŭ en la multobligitaj bultenoj, kiuj ni eldonadis intertempe. Eliz

Psikiatria Kliniko, Komenský Universitato, MARTIN. Klinikestro Prof.D-ro K.Matulay.
D-ro K. Matulay, D-rino M. S. Pekarovič, D-ro L. Entner:

## Komuna aperado de hemikranio kaj epilepsio en la EEG-bildo.

La taksado de elektro-encefalografiaj /EEG/ trovoj ĉe hemikranio estas ebla laŭ diversaj aspektoj. Ni observis la parencecon de la hemikraniaj enskribaĵoj al epilepsio. Oni ĝenerale koncedas, ke kaj epilepsio kaj hemikranio estas etiopatogenezaj sindromoj. Je la demando, ĉu hemikranio estas epilepsio, jam tial ne estas eble respondi jese aŭ nee, ĉar eĉ se la klinika bildo estas klasika, pri la patogenezo oni ne povas diri ion certan, kaj ni scias, ke la elektro-encefalografia karakteristiko ĉe multaj kazoj ne estas unueca. Malgraŭ tio, ke pere de EEG ni povas observi la plej diversajn kapdolorojn de vazomotora karaktero, koncerne hemikranion ekzistas kaj ekstremaj kaj mezaĵ starpunktoj. Ekz. Lenox estas konvinkita, ke el fiziologia vidpunkto ĉe hemikranio temas pri "autonomic epilepsy", krome ke kaj epilepsio, kaj hemikranio estas paroksismaj malsanoj de unu parto de la centra nerva sistemo. Ili diferencas laŭ la damaĝigo de diversaj partoj de la korpo kaj cerbo. Lenox okazigis ampleksajn genetikajn studojn pri epilepsio kaj hemikranio. Tamen sian opinion li ne povis dokumenti per regulaj EEG-trovoj, kio estas klarigebla tiamaniere, ke la elektrajn perturbojn en la profundaj kampoj - en la cerba trunko - ne estas eble registri de sur la konvekseco, tial la EEG-trovoj ĉe hemikranio ne atingas valorojn kiel ĉe epilepsio. Laŭ la tuteca valortaksado de etiopatogenezo de ĉi tiu malsano rezultas ankaŭ ĝia envicigo en la sistemon de malsanoj. Rusaj aŭtoroj - Bogolepov kaj kunuloj - envicigas ĝin inter la angiomalsanojn de la cerbo, diferencigante inter akutaj kaj kronikaj nesufiĉecoj de la cerba sangocirkulado.

Laŭ Bogolepov al la akutaj apartenas la eventoj /krizoj! kaj apopleksio. La krizoj laŭ lia divido estas: tutecaj, regionaj kaj kombinitaj. La regionaj dividiĝas je discirkulada karotida sindromo kaj discirkulada baza sindromo.

La elektroencefalografiistoj mencias hemikranion en la ĉapitro "Epilepsio - hemikranio - narkolepsio", kion oni povas koncedi, ĉar ĉiuj tri estas paroksismaj malsanoj de la cerbo. Tamen ekzistas opinio, ke malgraŭ la granda simileco de la EEG-trovoj ĉe kelkaj kazoj de hemikranio al epilepsio, la angia baza de la hemikranio estas eksperimente pruvita.

Kelkaj klinikistoj /Henner, Starý/ la hemikranion karakterizas kiel simplan patologian altigon de la refleksa iritebleco de iu regiono de la kraniaj vazomotoroj. Oni atribuas grandan signifon al la strangaĵoj de la karaktero de hemikraniuloj, rezultantaj el la edukado en la familia medio, kaj la amasigon de la kazoj de hemikranio en certaj familioj oni konsideras familia inklino, kiu - sekve de la malfavoraj faktoroj de la ekstera medio - povas transiri en evidentan malsanon. Cetere Henner same kiel Servít ĉe epilepsio distingas prodromojn, aŭron, paroksismon kaj postparoksisman staton. Broser en sia monografio "Vegetecaj cerbaj paroksismoj" hemikranion envicigas inter la cerbajn angio-krizojn.

Ŝajnis, ke pli regulaj EEG-esploradoj alportos pli da lumo en la patogenezon de ĉi tiu malsano. Tamen provizore la EEG-trovoj pri la unuopaj fazoj de hemikrania paroksismo estas nesufiĉaj. Ĝis nun ni ne sukcesis akiri tian EEG-trovon ĉe hemikranio, en kiu estus registritaj ĉiuj menciitaj fazoj de la paroksismo. Tio evidentiĝas el la fakto, ke ekz. la prodromoj povas esti interpretataj diversmaniere; la komenco povas esti necerta, same la postparoksisma stato. Eĉ en la literaturo ni ne trovis similan kompletan EEG. La plej granda nombro da EEG-trovoj devenas el la interparoksisma periodo. La EEG-trovoj dum la unuopaj paroksismoj estas konataj, kaj ni ne volas ilin ripeti.

Nia kontribuaĵo al ĉi tiu problemo koncernas la analizon de EEG-trovoj ĉe tiuj 6 kazoj de klasika hemikranio, ĉe kiuj ni konstatis ligitecon al epilepsio. La materialo rilatas 80 tipajn hemikraniojn, el inter kiuj 68 ni esploris per EEG, t.e epizodojn, theta-aktivecon se aktivigo, okulfrapan asimetrion kaj delta-ondojn post hiperventolado; ĉe 26 malsanuloj limajn trovojn, t.e. theta malpli precizespriman post hiperventolado, inklinon al epizoda aktivigo kaj moderajn asimetriojn.

21 pacientoj havis normalajn aŭ mezkvalitajn /mezajn/ trovojn.

El la menciitaj 6 malsanuloj - 7.5% da niaj 80 hemikraniuloj - la unua, M.M. - 1924, suferas je tipa okul-hemikranio ekde sia 18-a jaro; ŝia EEG estas nestabila kaj neordigita, la ondoj theta 6-7 c/sek. de pli alta amplekso epizode ankaŭ en pli longaj ĉenoj, inklino al pintaj ondoj. Ŝia filino /1955/, havas petit-mal-epilepsion ekde sia 2-a jaro. La EEG montras nekonformajn al la aĝo malpli rapidajn bazajn frekventecojn, epizodojn de altaj ondoj ĝis 226 mV post hiperventolado akcentitaj en la okcipito, ĉiuspecaj esprimplenaj asimetrioj, neĝustaj reakcioj je fiziologiaj stimuloj.

La dua pacientino M.A. /1920/ malsanas dum tri jaroj. La EEG montras en la antaŭaj partoj de la cerbo grupojn de pli altaj ampleksoj. Ĉe ŝia filo /1952/ la unua epiparoksismo okazis en la 7-a jaro; komence en la formo: pinto-ondo 2-3 c/sek. disritmio, fokuso centra-tempia dekstre. Post du jaroj nekompletaj formoj: pinto-ondo, pintoj, nekompleta reakcio dum malfermo de la okuloj, dekstre spegulaj pintoj.

La tria pacientino B.J. /1926/ suferas je epilepsio proksimume 20 jarojn kaj je hemikranio dum kelkaj jaroj. La EEG montras centran encefalan epilepsian paroksismon: pinto-ondo de alta amplekso 4 c/sek. kun pluaj malpli grandaj epizodoj kaj modifoj pinto-ondo.

La 4-a pacientino R.M. /1926 havas hemikranion ekde sia 17-a jaro. Ŝia patrino dum 30 jaroj suferas je epilepsiaj paroksismoj kaj la filino de la pacientino je svenoj kaj kapdoloroj. La EEG montras evidentan malintensigon malantaŭe maldekstre, dum antaŭe maldekstre estas pli alta beta /kapdoloro dekstre/.

La 5-a pacientino /1928/ havas hemikranion kaj tempian epilepsion. La EEG montras neregulajn ondojn kaj frekventecojn, grupojn da pli altaj thetaoj, post HV epizodojn theta-delta kun elirpunkto frunta-tempia maldekstre /doloroj maldekstre/. Specifajn signojn de epilepsio ni ne registris.

La 6-a pacientino S.B. /1946/, kies avino de la patra flanko havis epilepsion, kaj la pli juna fratino paroksismojn de epilepsio okaze de febro. La patrino dum la gravedeco /ĉe la menciita pli juna filino/havis "spasmojn kaj svenojn". La pacientino havas kapdolorojn ekde la frua junaĝo, tuj kiam ĝi matene ellitiĝas. La EEG estas disritma kaj neordigita kun plataj ondoj de puberta karaktero.

Se ni komparas la trovojn ĉe niaj pacientinoj, kie troviĝas epilepsio en la padenceco 1-a-grada, ni konstatis novajn trovojn, kiel ĉe pluraj niaj hemikraniulinoj, kiuj ne havas epilepsiajn paroksismojn. Se ekzistas epilepsio kaj hemikranio ĉe la sama persono - la trovoj estas similaj al tiuj ĉe epilepsio. La trovoj ĉe du hemikraniulaj patrinoj kun epilepsiulaj infanoj, montras epizodan agadon kun malrapidaj kaj altaj ondoj. Ĉe ĉi tiuj epilepsiulaj infanoj la EEG estas certe epilepsia. Ĉe la unua patrino la EEG estas tre disritma kun altaj epizodoj. Ĉe la dua estas signifa epizodo ondo-pinto. En nia grupigo estas du pacientinoj, kiuj havas kaj epilepsion kaj hemikranion. Unu el ili havis certan epilepsion /paroksismo en la antaŭĉambro de la kuracista ambulanco/, kaj hemikranion. La EEG ne montras asimetrion kiel ni atendus ĉe hemikranio, sed klasikan komplekson pinto-ondo 4 c/sek. de tre alta amplekso. Estas notinde, ke la kuracado per kombino de barbitalo kun hidantoinato ne kapablas pli energie influi la hemikranion. Ĝi aperis post multjara ekzisto de epilepsio, kio ne konformas al la ĝenerale proklamita sperto, ke el henikranio ofte evoluiĝas epilepsio, sed inverse ne. Ĉe nia pacientino alpaŝis hemikranio.

La dua pacientino havas dolorojn de hemikrania karaktero, sed ŝi informas pri 2-3 paroksismoj, kiuj impresas preskaŭ kiel vegetecaj epilepsiaj paroksismoj epilepsiaj. Ŝajnas, ke ankaŭ ĉi tiu pacientino havis unue epilepsian paroksismon kun senkonscio, kaj nur poste hemikranion.

La sekva grupo /4. kaj 6. pacientinoj/ estas hemikraniulinoj, ĉe kiuj estas abunda familia anamnezo pri epilepsio en la 1-a grado. La EEG de ĉi tiuj du ne montras epi-signojn, unu estas klasifikita kiel patologia, dum la dua kiel lima. Ĉe unu el ili ni esploris la EEG-n dum la dormo; la trovo estis ankaŭ lima.

Laŭ la regantaj opinioj ne estas eble aserti, ke ĉe hemikranio temas pri specifaj signoj, tipaj por ĉi tiu malsano, kiel tion vidas Krischek, Weil kaj Heck kaj ĉefe Smith kaj Winter, certagrade Drechsler kaj Starý. Tamen aliflanke ni vidas, ke ĉe hemikraniuloj estas granda nombro da l i m a j trovoj, kiun ni ne trovas tiagrade ĉe la kontrol-grupoj. Krom tio ekzistas ankaŭ grupo da hemikraniuloj kun elektro-encefaligrafiaj perturboj, certe patologiaj.

Laŭ la klinika procezo la vegetecaj perturboj estas ofta kaj kutima akompana simptoma komplekso ĉe epilepsia paroksismo, sed la bazaj perturboj ĉe epilepsio laŭ

la klinika flanko estas perturboj de konscio kaj simptomoj flanke de la motoraj neŭronoj. Ĉe hemikranio ni vidas, ke la baza simptom-komplekso estas vegetecaj perturboj de centra kaj perifera karaktero, dum flanke de la korpa nerva sistemo, ĉe hemikranio povas temi pri eskundaraj simptomoj de damaĝigo plejparte aŭ sole surbaze de iskemio. Tamen ĉiam ĉeestas ankaŭ perturbo de konscio en formo de malatigita vigleco, dormemo, malapudeco, malspriteco kaj duonobnubileco.

Tia ĉi divido de hemikranio kaj epilepsio ebligas supozi, ke epilepsio-hemikranio.narkolepsio prezentas tri memstarajn paroksismajn malsanojn, ĉe kiuj laŭ la patofiziologia kaj elektro-patofiziologia vidpunktoj temas pri malsaniĝo en tri niveloj: epilepsio en la subkortikaj-kortikaj, hemikranio en hipotalamo kaj narkolepsio en mezencefalo. La memstara patogeneza mekanismo efektiviĝas per pli-malpli malsaneca izoliĝo aŭ hiperfunkcio. La kortikaj-diencefalaj intimaj interrilatoj kaj kunligoj ebligas reciprokan influadon. Ĉi tiu dependeco je la kortiko koncernas plej unue hemikranion, dualoke epilepsion kaj trialoke narkolepsion.

Laŭ Popek la atento nun direktiĝas precipe al la finaj reagoj, t.e. doloro en certa parto de la arteria fluejo de la kapo. Helpe de EEG ni komencas ordigi la informojn pri la centra mekanismo de la sindromo, konata sub la nomo henikranio aŭ sindromo de hemikranio. Tial postulas Popek, ke oni serĉu la komencon aŭ la radikojn de ĉi tiu procedo. La sciigoj pri ĉi tiuj trovoj kaj ilia valortaksado ne estas unuecaj, sed ĉiuj laboraĵoj akcentas, ke ekzistas multe da patologiaj EEG-trovoj /Wissfels-Neu, Jung, Becher, Heyck-Hess, Macchiochi-Savoldi, Obál-Tomka, Refubat kaj kunuloj/. Multaj laboraĵoj estas eksperimentaj /Barrios, Smith-Winkler, Drechsler-Starý, Peganoni, Rovetta, Uzunov/. Pluraj aŭtoroj en kelkaj trovoj vidas specifajn ŝanĝojn /Krischek, Weil, Heyck/. Eksperimenta laboraĵoj ofte montras farmakodinamikajn reagojn ĉe tiuj ĉi statoj. Tamen ŝajnas versimila, ke rilate la prodromojn, su la bildo de malbonhumoro, laceco, senforteco, plue konsidere la trosentemon je sensaj impulsoj, sekva dormemo ĝis liza solvo de la hemikrania paroksismo per dormo - temas pri signifa partopreno de la reteta formaĵo ĉe la sindromo de hemikranio. Nome ni eliras el la konata ekkono pri la ekzisto de specialigitaj partoj de la reteta formaĵo, kiuj direktas la gradon de la konscio. Plue ni scias, - kio estas tipa por hemikranio - ke la reteta formaĵo influas ankaŭ la incitemon de la granda cerbo kaj tiun de la periferia kaj centra sektoroj de la sensaj organoj, ĝeneralige, do kun valideco por ĉiuj sensaj organoj. Ekz. ĉe paroksismo de hemikranio la paciento toleras nek la vid- nak la aŭdosentajm impulsojn.

La ĝisnunaj esploroj ankoraŭ ne permesas la funkcian dividon de la reteta formacio, ĉar la anatomiaj rilatoj estas tre komplikaj /R. Hassler/.


R E S U M O :

1. Ni observis 80 hemikraniulojn, el kiuj ni esploris per EEG 68.

2. Proksimume 1/3 el ili havas patologiajn EEG-trovojn, 1/3 limajn kaj 1/3 normalajn.

3. Inter 80 hemikraniulinoj ni trovis 6 malsanulinojn, ĉe kiuj ekzistas intimaj ligitecoj al epilepsio.

4. Ni analizis la EEG-trovojn ĉe la 6 maslanulinoj kaj iliaj du epilepsiulaj infanoj, kaj ĉe unu patrino.

5. La elektrofiziologia envicigo de hemikranio en la kadron de epilepsio ne estas pravigita.

6. Klinike estas eble konstati paralele procedantajn du malsan-procezojn: hemikranion kaj epilepsion.

7. Plurajn etiopatogenezajn kaj elektrofiziologiajn esplorojn ĉe la sindromo de hemikranio estas nepre necesaj, ĉar ne temas pri homogena grupo.

8. La aŭtoro supozas signifan partoprenon de la reteta formacio ĉe la patogenezo de la hemikrania paroksismo, konsidere la tutan procedon de la paroksismo, komenciĝanta per paroksismo kaj finiĝanta per dormo.


/Literaturo ĉe la aŭtoro!/.

---

Rim. de la red.: la ricevintoj de ĉi tiuj Medicinaj Paĝoj estas petataj konfirmi la ricevon kaj sendi siajn rimarkojn, rimarkigojn aŭ alplenigojn je adreso de Esperantisto Slovaka, Poŝtfako 80, MARTIN, ĈSSR - Slovaka Socialisma Respubliko. Dankon!

-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-


MEDICINAJ PAĜOJ estas interna eldono de Esperantisto Slovaka, neregula bulteno, kiun eldonadas Domo de Kulturo de RSM de Maŝinfabrikoj de Turiec en Martin /n-ro 1/70/.

# Vortludo – sortludo

En Ekspo paradas
sanig-aparatoj
glazure.

Afiŝoj tamtamas
kolore, prospektoj
kalkule:

"Min prenu, doktoro!"
– ĉiuj sin altrudas
konkure –:

"Per mi vi atingos
plej grandajn sukcesojn
sekure!"

Tabl' operacia
altiras atenton
humure:

striptizo surkuŝa
proponas la varon
femure!

Ŝi ride klarigas,
pozante petolas
velure.

Ĉu premi levilojn
kaj pinĉi la cicojn
plezure?

Sed devo ĥirurga
frostigas Amoron
serure!...

Tabl' operacia
fariĝas havaĵo
fakture

kaj ekapartenas
al mia Sekcio
eĉ jure...

---

Nu, kiun elekti
por provi la tablon
fakule?

Jen kazo urĝega
postulas la helpon
tambure!...

Ho, kia kuraĝo
provokis la sorton
aŭgure? –

"fraŭlino striptiza"
enlite kuŝ-kaŭras
ĉemure.

En ŝvito malvarma
ŝi ploras kaj hontas
terure –

perdinte la "maskon",
altiron kaj ĉarmon
figure...

Ŝi preĝas kaj ĝemas
al halo asepsa
veture,

ĉar antaŭ abismo
ni perdas aŭdacon,
nature!...

"Ne timu, fraŭlino,
mi vin ne traktos
torture;

vin, mian fratinon,
filinon!" – mi flustras
murmure.

"Nur kredu min ankaŭ,
knabino, rektiĝu
stature –

apogu la manon,
la scion kaj sperton
ebure:

ni venku la morton,
forviŝe sortbaton
senspure –

ekbrilu pli nobla
ĉielo de l' vivo
lazure!"

/El la kolekto
"Eskulapo ridetanta"
originale verkita de Eliz/

—o—

## Malfrue, sed tamen!

– Ho, kia feliĉa hazardo, renkonti vin, kara sinjoro doktoro, surstrate, post plenaj dek jaroj. Kiel vi fartas? Vi aspektas eminente, ho, ho!

– Dankon pro la flataj vortoj, sed pardonu, mi vin ne memoras!

– Mi estis tiam ĉe vi kun mia panjo. Ŝi vin ofte rememoras, ĉar ankaŭ ŝi fartas bone, bonege. Malgraŭ via diagnozo! Tiam vi ŝin ŝokis, malesperigis! Ni miris kiel vi, fame konata kuracisto, rentgenologo, diagnozulo, povis tiel erari. Jes tio estis terura verdikto, mortkondamno! Vi ĝin skribis al ŝia kuracisto, sed ni tion eĉ ne montris al li. Jen rigardu, vian recepton mi ĉiam portas en mia monujeto. Jes, vi skribis, ke temas pri "Kancerofobio"! Sed ŝi tamen vivas; ŝi vivas, doktoro! Adiaŭ!

/Eliz/

DIVENI /tr./ = malkovri per supozoj, rezonoj aŭ hazardo ion, kion ni ne scias. Diveni ŝaradon, enigmon, penson, intencojn, sekreton. Mi ne povas diveni la kaŭzon. Por tion diveni ne necesas peni. DIVENISTO = pastro ĉe la antikvuloj, kiu antaŭdiris la estonton. DIVENPROVE = fidante al la hazardo, laŭ la ŝanco de la trafo, trafe-maltrafe. Divenprove elekti.

DIVERĜI /ntr./ - pri direktoj, linioj aŭ radioj: malproksimiĝi unu de la alia. Kiam fasko da paralelaj radioj trairas vitran lenson, kies rando estas pli dika ol la centro, la fasko diverĝas, t.e. ĉiuj ĝiaj radioj malproksimiĝas unuj for de la aliaj. DIVERĜO = fenomeno diverĝi. Diverĝa fasko = fasko da radioj, kiuj diverĝas. - DIVERĜIGI = igi diverĝa. DIVERĜIGA LENSO = lenso, kiu diverĝigas la faskon da paralelaj radioj, kiuj trairas ĝin. DIVERĜIGECO = mezurata propreco, kiun havas lenso por diverĝigi.

DIVERSA. 1.: malsamspeca. Laŭ diversa maniero. Ŝtonoj de diversa grandeco. Monpaperoj de diversa valoro. Homoj de diversa eksteraĵo, de diversaj specoj, agoj kaj karakteroj. Tiun ĉi flankon diversaj esp-istoj povas klarigi al si en la plej diversa maniero kaj en la plej diversaj gradoj. Diversgentaj logantoj. 2./nur plurale/ : kelke da malsamaj. Ni aĉetis diversajn ilojn. Diversaj detaloj, cirkonstancoj,lokoj. DIVERSECO = malsameco. La diverseco de la klimatoj. DIVERSIGI = igi diversa.

DIVIDI /tr/. 1.: fari partojn el tuto, apartigi partojn de tuto. Dividi la kukon en 6 partojn, je 6 partoj. Dividi la homojn en 2 taĉmentojn. Dividi 10 per 2. - Francujo estas dividita en departementoj. Dividi sian tempon inter diversajn taskojn. La diverslingveco dividas la homan familion. Divida sufikso. Dividebla nombro. La homaro dividis sin batale. Nilo dividiĝas en kelke da brakoj. La popolo dividiĝis en 2 klasojn. La korporacio subdividiĝis laŭ la diversaj metioj. 2.: disdoni al ĉiuj sian parton. La patro dividis la pomojn inter la infanojn. 3.: preni ĉiu sian parton el komuna tuta. Dividi heredon kun fratoj. Kiu dividas kun ŝtelisto, tiu malamas sian animon. Dividi kun iu la mizeron, ĉiujn danĝerojn de la vojo.

DO: 1. - konjunkcio montranta la logikan sekvon, la konkludon = sekve. 2.: konj. montranta la surprizon. Kion do vi volus ricevi? Kie do li estas? 3.: konj. uzata por insisti. Venu do. Aŭskultu do. Demandu do tiun homon.

DOGANO. 1.: imposto starigita pri iuj komercaĵoj, kiam ili eniras teritorion; limimposto. 2.: administracio zorganta pri la doganaferoj. DOGANEJO = oficejo,ĉe kiu oni pagas limimposton. DOGANISTO = oficisto de la dogana administracio.

DOGMO. 1.: punkto de religia aŭ filozofia doktrino, kiun oni ne povas pruvi kaj senpruve devas kredi. La dogmo de la Triunuo. La senmorteco de la animoj estas dogmo de la Platona filozofio. 2.: principo, kiun oni ne rajtas kontraŭdiskuti. DOGMA: apartenanta al dogmo. 2.: ne permesanta kontraŭdiskuton. DOGMEMO = emo aserti aŭtoritate sen sufiĉa kritiko. DOGMISMO = doktrino asertanta la eblecon de la kono pri la absoluto. DOGMARO = doktrino.

DOKTRINO = aro da principoj kaj sistemaj teorioj, kiujn iu religio, filozofio aŭ scienco instruas. La doktrino de Epikuro, de la katolika eklezio.

DOKUMENTO = skribaĵo aŭ signifa objekto, kiu servas kiel pruvo kaj atesto. Dokumentoj pri la origino de la milito. Genealogiaj dokumentoj. DOKUMENTI. 1.: pruvi per dokumentoj. 2.: provizi per dokumentoj.

DOLĈA. 1.: agrable impresanta guston, kiel sukero aŭ mielo. Dolĉa pomo, suko, vino. Dolĉaĵoj /sukeraĵoj/. Maldolĉa /amara/, kiel absinto. 2.: agrabla por la sentumoj. Dolĉa melodio, voĉo, bonodoro, tapiŝo, ŝtofo, fantazio, veluro. Lia parolo fluis dolĉe kaj agrable. Dolĉe dormadi. 3.: agrabla por korsento, milda, malsevera, karesa. Dolĉa homo, vizaĝo. Dolĉaj /karesaj/ vortoj. Flustri dolĉaĵojn al amatino. Maldolĉa sento de neplenumita espero. Maldolĉigi la vivon al iu.

DOLORI /tr/: sentigi /io/ al iu tre malagrablan korpan aŭ spiritan impreson. Ne doloras frapo sur fremda kapo. Tia operacio tre doloras. Ili batis min, sed tio ne doloris. Dum la frosta vetero mia reŭmatismo min doloras. Min doloras ĉi tie. La kruro doloras min, al mi. Doloras lin la malfavoro. Forte min doloras la nepovado helpi vin. Mia kruro doloras. Miaj ostoj doloris dum la tuta vojaĝo. Ankaŭ dum ridado povas dolori la koro. DOLORIGI /iu aŭ io/ = kaŭzi al iu tre malagrablan korpan senton aŭ spiritan impreson. /Rim. de la aŭtoro: Oni uzas tiun sufikshavan formon se oni precipe konsideras aŭ atentigas la objektivan kaŭzon de la doloro/. Kurante

mi dolorigis al mi la piedon. Ĉu mi dolorigis vin? Espero prokrastita dolorigas la koron. DOLORO. 1.: tre malagrabla korpa impreso. Senti en la brusto akran, mordantan, kruelan doloron. 2.: tre malagrabla spirita sento, malplezuro, aflikto. Havi doloron en la animo. Rigardi kun doloro la reciprokan fremdecon, kiu dividas inter si la filojn de sama lando. DOLORA. 1.: sentiganta doloron. Dolora dento, vundo. Tre dolora estas por ĝojanto refalo tro subita en malĝojon. Ne puŝu tiel dolore. 2.: esprimanta doloron, estigita de doloro. Dolora krio. Doloreĝe plori. DOLORIGA = doloriganta. Dolorige surtreti la piedojn de iu. La knabo maldelikate kaj dolorige premis la paseron en la manoj. DOLORIĜI = senti doloron. SENDOLORA = sentiganta nenian doloron. - SENDOLORIGA = foriganta la doloron.

DOMO. 1.: konstruo, kie loĝas homoj. Mi restos hodiaŭ dome. Iri domen. Domaj ŝuldoj. Dombesto. 2.: hejmo. 3.: nobela, eminenta familianaro. Edzoliĝiĝi kun domo de nobelo. DOMANO. 1.: kunloĝanto en iu domo, samdomano. 2.: kunvivanto en iu hejmo, samhejmano.

DOMAĜO. 1.: bedaŭrindaĵo. Kia domaĝo! Estas domaĝo, ke vi perdis vian libron. - 2./eventuale!/: malprofito, difekto. La hajlo kaŭzis grandajn domaĝojn. Ripari la domaĝojn, kaŭzitajn de milito. Post domaĝo venas saĝo. Domo bruldomaĝigita. DOMAĜA = bedaŭrinda. Tio estas domaĝa afero. DOMAĜE = bedaŭrinde. Estas domaĝe, ke... Kiel domaĝe! DOMAĜI /tr/. 1.: timi bedaŭrindaĵon, difekton, perdon pri io; deziri ŝpari, konservi, ne elspezi, ne difekti ion. Li ne aĉetis la libron, ĉar li domaĝis la monon. Li ne eliris en la pluva vetero, ĉar li domaĝis sian veston. Kiu domaĝas groŝon, perdas la tutan poŝon. Pafu, kaj ne domaĝu saĝojn! Ne domaĝi sian penon. Li forkuris, ĉar li domaĝis sian vivon. 2.: timi malutili al iu, timi ofendi aŭ dolorigi iun, indulgi iun. Pro spritaĵo li eĉ patron ne domaĝus. 3./eventuale!/: difekti. Brulego multe domaĝis la urbon /komparu kun DAMAĜI/.

DONI /tr/. 1.: meti en posedon aŭ je dispono de iu, ĉu provizore, ĉu definitive. Doni ludilon al infano. Doni al iu salajron, rekompencon. Doni doton, nomon, garantion, sian voĉon, ekzemplon, edukon, helpon, favoron, honoron, atenton, konsenton, liberecon, pruvon. Doni balon, feston. La semo donos fruktojn. Nur senvaloraj objektoj donis /liveris/ por tiu dekoracio la materialon. Doni /etendi/ al iu la manon. Kolero pravecon ne donas. La ĉielo donu, ke... 2.: estigi, rezultigi, fari agon. Doni rezultaton. La semoj donis /produktis/ trunketojn. Doni /fari/ signojn per la okuloj. Doni baton, vangofrapon. Doni al iu sur la nazon. Doni lecionon, juĝon, laŭdon, raporton, sankcion, punon, instrukcion, ordonon, komision, la tonon. Doni profiton. Doni bonan impreson pri... Doni esperon, kontentigon, antaŭenpuŝon, karakteron de, vidon al... Tiuj formoj donus grandan konfuzon. Tiu odoro donas kapturniĝon. Tia elparolado donas nenian malkompreniĝon. Se simila lingvo eĉ povus esti finita, ĝi nenion donus. En la donita /difinita, tiama, konsiderata okazo/. La donitaĵoj de la problemo. ALDONI = doni, meti, fari, diri plie, krom tio, kion oni jam donis, metis, faris, diris. Nenion aldonu al via respondo. Aldoni al vorto la finon. Tagoj aldoniĝas al tagoj kaj la situacio ne ŝanĝiĝas. Ĵus aperis la kvara aldono al Fundamento. Esti aldonita al iu /esti preta servi ĉiuokaze al iu/. ALDONITECO = emo servi ĉiuokaze al iu. ELDONI = publikigi kaj vendigi ian ajn verkon. Eldoni vortaron. Eldonisto. La dua eldono estas jam elĉerpita. DISDONI = doni al multaj, distribui. Disdoni promesojn. FORDONI = tute kaj definitive doni. Li fordonis al la grupo sian tutan profiton. Sin fordoni al la propagando, al sporto, al siaj pasioj. Kun plena amo ŝi fordoniĝis al la objekto de sia laborado. REDONI. 1.: doni returne al la doninto ion, kion oni ricevis. Li ankoraŭ ne povis redoni la pruntitan monon. Redoni salutojn, bondezirojn. 2.: rekompensi. Oni redonos al li laŭ lia konduto. 3.: puni per samo pro tio, kion oni suferis. Mi redonos al vi ĉiujn ofendojn viajn. Tio estas justa redono. 4.: kopii, reprodukti. La portreto ĝuste redonas lian fizionomion. Lia stilo redonas lian karakteron. TRANSDONI = doni al iu ion ricevitan de alia. Mi transdonis al li vian leteron. Transdoni hereditan bienon. OFERDONI = oferi. SINDON/em/A = preta servi ĉiuokaze al iu aŭ io, ne zorgante pri sia intereso. Tia amiko estas pli sindona ol frato. La sindono de Zamenhof al Esperanto estas admirinda. Sindona klopodado.

DONACI /tr/. = senkompense doni, kiel ateston de bonvolemo, amikeco, favoro ktp. Mia patro donacis al mi belan libron. Oni povas multe donaci kaj ne esti amata. Al ĉevalo donita oni buŝon ne esploras. DONACO = donitaĵo. Novjaraj donacoj. Doni, fari donacon. Elokvento estis en li natura donaco. DONACE. Donace ricevi, donace prezenti. DONACEMA = volonte donacanta.

DORLOTI /tr/.: 1. ameme kaj karese trakti iun kaj tro indulgi ties dezirojn aŭ

kapricojn. Sin dorloti /trodelikate sin flegi/. Kiu volas panon, ne dorlotu la manon, /ne ŝparu la penon. Dorloti infanon. Li ekde infaneco kutimiĝis al dorlotiĝado. - 2.: superŝuti per favoroj. Lando dorlotata de naturo. 3.: daŭrigi tro indulge malbonaĵon ĉe iu. Dorloti la fierecon, la maniojn de iu. 4.: daŭrigi en si ion revatan, trovante en ĝi plezuron. Dorloti esperon. Nur fantaziuloj povas dorloti tiun ĥimeron.

DORMI /ntr./. 1.: esti en stato de korpa kaj spirita senaktiveco, kiu ordinare okazas en ĉiu nokto kaj estas necesa por ripozigi la homojn kaj bestojn. 2.: ne agi, resti senaga, kvieta. La longe dormintaj semoj komencis doni la unuajn trunketojn. DORMO. 1.: stato de dormanto. Dormo estas duonmorto. 2.: senaktiveco, senprogreso. DORMEGI /ntr/.: profunde dormi. DORMETI /ntr/. = duondormi. DORMIGI.1.: igi iun dormanta. La patrino lulante dormigas la infanon. Dormigi pacienton per kloroformo. 2.: trompante trankviligi. Dormigi la suspektojn de iu. ENDORMIĜI = dormiĝi. Se eĉ tiu ĉi ideo endormiĝadus je tutaj dekjaroj, ĝi jam neniam mortos. FORDORMI /tr/. = perdi pro la dormo. Fordormi la okazon. MALDORMI /ntr/. = sin deteni de la dormo dum la kutima dormotempo. Li maldormis jam tri noktojn apud la malsana patro. TRADORMI /tr/. = pasigi dormante. Tradormi la nokton. SENDORMECO = malsana stato, en kiu oni ne povas dormi. DORMOMALSANO = infekta malsano, karakterizata de konstanta dormemo.

DORNO. 1.:natura pikilo de vegetaĵoj. Neniu rozo sen dorno. 2.: pikilo simila al dorno. Bukodorno = pinta movebla pinglo, adaptita al buko kaj kiu servas por fermi ĝin, trapikante rimenon aŭ rubandon./Buko = ringo, ordinare metala/. 3.:malhelpaĵo, malplezuro. DORNA. 1.: plena je dornoj. Kiel dorna kano en la mano de ebriulo, tiel estas sentenco en la buŝo de malsaĝulo. 2.: plena je malhelpaĵoj kaj malplezuroj. DORNEJO = dornarbetaro.

DORSO. 1.: malantaŭa parto de la homa korpo, de ŝultroj ĝis pelvo.Montri,turni la dorson al iu /= montri sian malŝaton/. Mortigi iun depost la dorso. Post la dorso de iu /= perfide, kaŝe/. Viajn malamikojn mi turnos al vi dorse. Fali dorsen. 2.: supera parto de la korpo de bestoj, de kapo ĝis vosto. Grimpi sur la dorson de ĉevalo. La kato ĝibigis la dorson. 3.: malantaŭa parto de objekto. Dorso de klingo, de libro, de mano, de seĝo, de folio. 4.: supera kurba parto de objekto. La nuda dorso de la monto. La ŝaŭmaj dorsoj de la ondoj. DORSDIREKTE = returnen.- La anasoj iris dorsen.

DOTO = havaĵo, kiun edzino havigas per la edziĝo al sia edzo, aŭ edzo al sia edzino. Bela vizaĝo estas duono da doto. Dotaj havaĵoj. Sendota filino. DOTI /tr/. 1.: doni doton al iu. Li riĉe dotis sian nepinon. 2.: havigi iajn kvalitojn. Naturo lin dotis per lirika temperamento, per tre saĝa spirito. Riĉe naturdotita lando.

DRAPIRI /tr/. = ornami, kovri per pendanta, multfalda ŝtofo. Drapiri liton, fenestron. La drapiraĵoj de solena estrado. La grekaj statuoj estas admirinde drapiritaj. La ĉielo subite drapiriĝis per malhelaj nuboj.

DRASTA. 1.: fortege efikanta /ekz. kuracilo/. 2.: fortege impresanta, produktanta fortan efekton. Drasta esprimo. Drasta sceno.

DRAŜI /tr/ 1.: bati la grenon por eligi la grajnojn. Draŝi fojnon /= vane peni/. 2.: forte bati, bategi. Draŝi al iu la dorson. Draŝi pianon. Agu anstataŭ nur sencese draŝi la vortojn. DRAŜILO = instrumento por draŝi, konsistanta el du bastonoj kunigitaj per rimeno, el kiuj la pli longa servas kiel tenilo kaj la malpli longa kaj pli dika kiel draŝilo. DRAŜEJO = loko el seka kaj malmola tero, kie oni draŝas. DRAŜAĴO = draŝita greno. DRAŜMAŜINO = maŝino por draŝi.

DRESI /tr/. = instrui beston por iu celo. Dresi hundojn por ĉaso. Dresi leonojn. Cirka dresisto. La plej malfacila dresado estas tiu de la katoj.

DRINKI /tr/ = malmodere trinki ebriigaĵon. Drinki vinon. Drinki kiel funelo. Li malsanas, ĉar li drinkadis dum la tuta semajno, la tutan semajnon. Drinkemulo malriĉiĝas. Postdrinka kapdoloro /= Katzenjammer/. FORDRINKI /tr/. = perdi per drinkado. Fordrinki sian monon. DRINKEJO = trinkejo de alkoholaĵoj.

DRIVI /ntr/. = flosi laŭ la puŝo de la fluo aŭ de la vento deviante el la difinita vojo.

DRONI /ntr/. 1.: perei per sufokiĝo en akvo. Dronanto eĉ herbeton kaptas avide. 2.: ŝipperei per subakviĝo, enabismiĝi. La ŝipo dronis kun la tuta ŝipanaro. 3.: enprofundiĝi kaj malaperi aŭ perdiĝi. Droni en amaso da kusenoj. Dronantaj en

K L A R I G O ! kelkaj niaj legantoj demandis, kion signifas "/tr/." kaj "/ntr/" post la verboj, kiujn ni citas laŭ la Plena Vortaro. En ĝi /paĝo 480/ ni legas jenon: T R A N S I T I V A kvalifikas verbon, kiu esprimas agon rekte pasantan de subjekto al objekto kaj kies komplemento estas en Esperanto senpere kaj senprepozicie signita per akuzativo = transira /prechodné z podmetu na predmet/, ekz.; movi, frapi, turni, lavi, komenci ĉesigi, enuigi, daŭrigi /= iun aŭ ion/. NETRANSIRA kvalifikas verbon, kiu esprimas agon verbon, kiu esprimas agon fariĝantan en la subjekto mem kaj ne pasantan de ĝi al la objekto /= neprechodné/; la komplemento de tia verbo estas anstataŭata de prepozicio; netransira, ekz.: ĝoji, penti, indigni, iri, fali, promeni, veni, ĉesi, daŭri, okazi, morti.

---

/Daŭrigo/ koto reloj. Domo dronanta en silento kaj duonlumo. La voĉo dronis en bruo. Droni en krepusko, nebulo, mallumo, malproksimo. En azia lukso dronis la energio de l' faraonoj. Tute droninta epoko. 4.: embarasiĝi kaj implikiĝi, esti superŝutata kaj embarasata per io. Droni en ŝuldoj. Droni en detaloj. Droni en laboroj ĝis super la oreloj. 5.: enprofundiĝi kaj esti ekskluzive okupata per... Droni en medito, en revoj, en siaj pensoj, en malespero, en larmoj, en enuo, en admiro. DRONIGI. 1.: igi dronanta. Por dronigi hundon oni nomas ĝin rabia. Dronigi ŝipon. 2.: enprofundigi. Dronigi la manojn en la sangon de iu. La infano dronigis en la longaj haroj de la hundo siajn malgrandajn manetojn. Dronigi glavon en ies bruston. La brilo de la luno dronigis la montetojn kvazaŭ en vasta arĝenta bano. Tiu kvartalo droniĝas en luksegaj ĝardenoj. 3.: malaperigi, ĉesigi. La tondra ruliĝado de aŭtomobiloj dronigas /superbruas, senaŭdigas/ ĉiujn aliajn bruojn. La ribelo estis dronigita en sango. SIN DRONIGI = sin mem mortigi per subakvigo.

DUBI = ne esti certa pri io; ne scii, ĉu ĝi estas vera aŭ ne. Dubi la utilecon de io. Mi dubas, ĉu li akceptos. Mi forte dubas, ĉu iu serioze konsilus enkonduki tian grandan rompadon en nian movadon /diris siatempe Zamenhof/. Mi dubas, ĉu troviĝos iu, kiu konsilus solvi la aferon alie. Neniu dubos, ke konstanta regulo estas mil fojojn pli bona. Ni ne povis dubi, ke oni devis sen ia ŝanceliĝo akcepti. Ĉu vi ne dubas pri via sukceso? Kiu dubas, sin detenu! DUBIGI. 1.: igi iun dubanta. 2.: igi ion necerta. Dubigi la venkon. DUBO = intelekta stato de tiu, kiu dubas. Senti dubon pri io. Esti en dubo pri... Esti atakita, kaptita de dubo. Tio forigas ĉiujn dubojn. DUBA, /PRI/DUBEBLA = pri kio oni povas dubi. Duba formo, rezultato. La respondo ne povas esti duba. Tre duba plibonaĵo. En ĉiuj dubaj okazoj, oni preferu la nominativon. La deziro al la paco estas nedubebla realo. DUBINDA = pri kio oni ne povas ne dubi. Dubinda aserto, fideleco, venko. EKSTERDUBA, SENDUBA = pri kio oni ne povas dubi. Garantio de senduba sukceso. SENDUBE = tute certe. Sendube vi pravas.

DUM. I-e: prepozicio, montranta tempon, en kies daŭro io okazas. Fleksu la arbon dum ĝia juneco. Apetito venas dum la manĝado. Dum la parolado li dormis.

II-e konjunkcio montranta: 1. la tempon, kiam io okazas /= en la tempo, kiam/. Forĝu feron, dum ĝi estas varmega. Dum vi estos feliĉaj, vi havos multajn amikojn. Dum vi paroladis, li dormis. /Rimarkigo de la aŭtoro: Kelkaj uzas en tiu senco DUM KIAM, kio estas senutila nekonsilinda taŭtologio/. 2.: agon aŭ okazon kontraŭan al tiu, kiun oni priparolas /= kontraste kun tio, ke.../. Vi estas juna dum mi estas maljuna. Dum Esperanto daŭre vivas, Volapük jam longe estas mortinta. Dum la naciaj lingvoj estas rigidaj, Esperanto kontraŭe estas senfine fleksebla. /Rim. de la aŭt.: kelkaj uzas en tiu senco DUM KE, kio estas iom duba esprimo/.

III-e: prefikse uzata kun la senco de la prepozicio. Dumviva membro, rento. Dumnokta irado.

IV-e: vortero memstare uzata. DUMA. 1.: samtempa. 2.: provizora, intertempa, ĝisa. DUME /adv./. 1.: intertempe, dum tiu tempo. Ili sin pretigis, ni dume babilis. Dume oni alvenis al la manĝejo. 2.: provizore, ĝise. Ni ne lasu flanke tiun demandon. Estas pli prudente akcepti dume la lingvon en ĝia nuna formo. 3.: kontraste kun tio, kontraŭe, malgraŭe, tamen. Principoj kaj postuloj puŝis kaj malhelpis unu la alian, dume en la teorio ili ŝajnis al mi tute bonaj. Dume lingvo arta, anstataŭ tiu ĥaoso, donas al vi sole nur ses vortetojn./Rim.de la aŭt./ estas malkorekta kaj nepre evitinda la uzado de la adverba DUME en la senco de la konj. DUM/.

DUNGI /tr/. = interkonsenti kun laboristo, servisto aŭ oficisto por havigi al si lian servadon laŭ difinita salajro. Dungi vartistinon. Asekuri siajn dungitojn kontraŭ akcidentoj. Mi maldungis lin pro malhonesteco. SIN DUNGIGI = interkonsenti kun dunganto.

/Daŭrigota/.

# V E G E T A R I S M O

De Alexis

## C i r c u l u s v i t i o s u s

Ni buĉas la bestojn, ni verŝas bestsangon,
rostaĵo tre tiklas de l' homo la langon.
Laŭ "Speco Viena" ni fritas brunkrustajn
kotletojn de l' besto aparte bongustajn,
ĉar sangan viandon ne ĉiu hom satas,
sed multaj aliaj pro ĝi sin eĉ batas.
Ni homoj formanĝas kun certa prefero
la fiŝojn el maro, el lago, rivero.
Ni pafas ĉasaĵon el verdaj arbaroj,
kondutas tiele jam kiel barbaroj.
Ni nomas ĉi krimon "bravula homsporto";
ne pensas pri fakta, kruela bestmorto.
Dum horoj ni ankaŭ egale-motive
malantaŭ fiŝhoko gapsidas pasive.
Por koko, ansero, kolombo, anaso
servpretas bredejoj en ĉiu amaso.
La vivo de porko, ŝafido kaj bovo
dependas de nia kaprico, bontrovo.
Buĉistoj alpaŝas al nobla ĉevalo:
buĉita bestaro - "vendmaterialo"!
Kaj kio post buĉo ankoraŭ postrestas
jam baldaŭ en ia "kolbaso" enestas:
restaĵo vianda, porkhaŭto, bestgraso,
internaj organoj fariĝas kolbaso.
Abunde spicitaj, en multaj aromoj,
diversaj la formoj, multnombraj la nomoj,
ĉi tiu frandaĵo aparte bongustas,
kaj ĉiu momento por manĝi ĝin ĝustas.
Kolbason manĝante ĝin ĉiu eklaŭdas;
li ĝemon, ve-krion de l' besto ne aŭdas,
kruelan torturon de l' besto ne vidas,
por li nur momenta bongusto validas.
Neniu ekpensas, manĝante bestpecon,
ke portas li ankaŭ por si respondecon,
ke oni estingis fajreron de l' vivo -
el sama konsistas la hom-kolektivo!

Post pacaj epokoj en vivo-komforto
eksplodas milito kun plagoj kaj morto.
Antaŭa bestbuĉo nun estas batalo,
viktimo nun homo, ne nur animalo.
Nun homo alian kruele perfortas,
ĉar devas li murdi, sed ankaŭ li mortas.
En lia interno furio agitas,
al faroj teruraj ĝin lin jam ekscitas
sur kampo de l' gloro, sur kamp de honoro -
en vero: buĉejo kun ploro, doloro.
Nun kuŝas en koto viktimoj militaj
kun partoj de homoj tre dispeciĝitaj.
Puniĝas ĉi tie la manko kultura:
la cirklo fermiĝas laŭ leĝo natura.

Libere tradukis J. Burger

Ĉ i o n p o r l a v e g e t a r a n a r u b r i k o s e n d a d u a l :
Ernesto Váňa, DUDINCE, okres Zvolen,
ČSSR - SSR

Reklamaciu ĉe li, se vi hazarde ne ricevis iun numeron, varbu novajn legantojn!
Se vi ne povas sendi 20 rkp., interkonsentu kun li pri interŝanĝo de esp-aĵoj. Dankon!

El la leteroj, alvenintaj por la Vegetarana rubriko de Esp-isto Slovaka :
.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.

"... Jes, povas esti interesa legi pri "sortoj" de esperantistoj-vegetaranoj: kiam kaj kiamaniere ili konatiĝis kun ĉi tiu ideo. Do mi koncize skizos la mian.

Ĝis mia 13-a jaro mi estis sana, sed poste la sano min forlasis, kio kaŭzis grandajn zorgojn al miaj gepatroj kaj ankaŭ al mi. Mi komencis meditadi, kiamaniere mi povus ŝanĝi mian vivon, por ke mi resaniĝu. Tiam hazarde venis en miajn manojn libreto pri hinda kulturo kaj jogo: "Sporto kaj jogo" de Jesudian. Mi tuj tralegis ĝin kaj la enhavo min kaptis. Mi komprenis, ke oni nepre bezonas korpan kulturon, sed ankaŭ ŝanĝon de vivmaniero, kaj mi komencis aplikadi la konsilojn. Mi dediĉis min precipe al naĝado, kurado kaj biciklado.

Pro malsano de mia patrino mi devis adiaŭi la lernejon kaj eklabori. Tio okazis en 1964, kiam mi havis nur 17 jarojn. En la laborejo mi konatiĝis kun interesa homo jam 56-jara. Li kondutis pli dece ol la ceteraj, li estis silentema,li laboris trankvile kaj bone. Mi sciiĝis de li, ke li ne manĝas viandon, ne trinkas, ne fumas. Li ne manĝadis kun la kolegoj, kiuj lin mokis pro lia vivmaniero, ke li ne estas kiel la ceteraj. Li ofte ekskursadis en la naturon kaj sportis, tial ni fariĝis bonaj amikoj: mi 17-jara, li 56-jara. Ni ekskursadis kune kaj dume li parolis al mi sincere el sia koro, kvazaŭ patro. Kaj ĉar la homoj lin ofte miskomprenis, li pruntis al mi librojn, por doni al mi bonajn konsilojn... La libroj parolis pri vegetarismo kaj neceso reformi la homan vivmanieron.Mi tralegis ilin / de Bicsérdy, Bucsányi, Tölgyesi/ kaj miaj okuloj malfermiĝis! Mi komencis serĉi pli, mi volis ekscii pli multe. Tiam venis en miajn manojn la libro "Frukto kaj pano" de Schlichteisen kaj ankaŭ Mazdaznan. El ili mi lernis multon, sed pleje min influis la joga metodo de Jesudian, al kiu - kiel eksplikilo - bone servis la libro de Dro Baktay, kiu longe vivis inter hindoj kaj inter lamaoj en Tibeto.

Mi komencis meditadi pri la vivmaniero. Mi vidis ĉirkaŭ mi malsanajn homojn, mi aŭdis ilian ĝemadon pro doloroj. Mi vidis la morton de mia avino kaj eĉ de mia kara panjo, tre juna, nur 43-jara. Kaj mi ekkomprenis, ke oni devas ion fari, ĉar ni vivas neĝuste. Mi forlasis la viandan nutrad-kutimon.

Ekde tiu tempo mi manĝas somere nur fruktojn kun nigra pano, vintre ankaŭ teon el herboj, sekigitaj fruktetoj ktp. ankaŭ iom da oleo kun pano. Al kuiritaj manĝaĵoj mi jam ne havas emon.Matene mi ne manĝas, nur pli poste, kaj vespere.Mi kulturas mian korpon per sportoj, ofte ankaŭ biciklante kun mia "maljuna" amiko, longajn kilometrojn en la naturo. Ankaŭ mi praktikas jogon.

Mi havas 23 jarojn, mi estas 178 cm alta kaj normale mi havas 75 kg-ojn, vintre ĝis 80, sed somere nur 70 - 72.

Do tiom pri mi. Eble ankoraŭ tion, ke somere mi ŝatus vojaĝi bicikle tra Bulgario kaj Pollando, kaj tiam esperebl e mi povos interkonatiĝi persone kun vi, s-ano Váňa, kaj ankaŭ kun Esperantisto Slovaka."

Francisko Mózsi, Hungario

Kara Esperantisto Slovaka, kara samideano Váňa,

mi estis tre surprizita, kiam mi ricevis vian revuon: kiamaniere vi trovis min?... Mi vivas ja ĉi tie jam longajna jardekojn apud la praarbaro, fore de la civilizacio, de homoj. Neniu vivas en mia proksimeco, precipe ne esperantisto... Via alveno pere de Esperantisto Slovaka estas por mi ia miraklo - ja mi ekhavis jam grandan deziron kontaktiĝi kun samideanaj vegetaranoj!

Via gazeto tre ĝojigis min en mia soleco, kaj mi estas al vi danka. Certe ankaŭ en Argentino estas esperantistoj kaj vegetaranoj, sed ĉe ni la distancoj estas tiel grandaj, kaj mi estas tiel fore ĉe la praarbaro, ke iom post iom la kontaktoj perdiĝas. Via gazeto alportis al mi kvazaŭ sunbrilon el foraj landoj, kvazaŭ manpremon de malproksimaj amikoj, kaj el via al mi nekonata, sed certe bela lando.

Mi volonte sendus al vi artikoleton por via vegetarana rubriko, sed ĉu ĝi taŭgus? Mi jam maljuniĝis ĉi tie en la trankvilo de la praarbaro, malproksime de ĉiu bruo kaj rapideco, kaj mi evoluigis pensojn, kiuj eble jam ne taŭgus por la plimulto de la fora, laŭta mondo, kiu eble similaĵojn jam ne aŭdus volonte.

Ankoraŭfoje korajn salutojn al vi, al via Esperantisto Slovaka, kaj al ĉiuj esperantistoj- vegetaranoj de via maljuna amiko

Benno Jagodzinski, Argentino.

Kara amiko! Skribu kaj sendu frue vian kontribuaĵon el via izoliteco! Via Erva

okazos de la 17-a ĝis la 30-a de julio 1970 en la banloko Balatonszemes, Hungario, ĵus antaŭ la 55-a UKE en Vieno.

La programo enhavas interkonan vesperon, prelegojn kun diapozitivoj pri Balatono, Hungario, Budapeŝto, teatran prezentadon, viziton al la loka Poŝta muzeo, ekskursetojn al la agrikultura kooperativo kun speciala hungara subĉiela vespermanĝo kaj vingustumado, distrajn programojn kaj dancadon, surprizojn.

Por la programoj kaj kunvenoj estos je nia dispono la loka Kulturdomo.

La kotizo por la programo, loĝado, abunda tagmanĝo kaj enirbileto al la strando kostas entute 840 forintojn. Krome por 380 for. oni povas mendi komunajn maten- kaj vespermanĝojn. Estas eble aliĝi ankaŭ por 1 semajno /17-23 aŭ 24-30 de julio, la kotizo estas 440 F, maten- kaj vespermanĝoj kostas 190 F/.

La organiza komitato proponas varbi grupon. La grupogvidanto ĝuos rabaton: se la grupo konsistos el 10 personoj, la gvidanto pagos nur 50%-ojn, ĉe 20 personoj la gvidanto partoprenos senpage.

Krom la fiksita programo estas arangota tuttaga aŭtobusa rondvojaĝo ĉirkaŭ Balatono, ĝi kostas 160 F. Por la kongresanoj komuna vojaĝo al Vieno estas certigita!

Por la Organiza Komitato: Klara Varga prez., Jozefo Deák, sekretario.

---

RONDVETURON POR EKSTERLANDAJ KURACISTOJ-ESPERANTISTOJ intencas arangi en Prago, ev. ekskurson al la banurboj en Okcidenta Bohemio, Plzeň ktp., s-anoj D-ro Jozefo Hradil, ČESKÝ DUB 137/III, okres Liberec, ČSR, kaj Bohumil Král, Ul. na Černém vrchu 2179, PRAHA 5 - Smíchov /tel. n-ro 534163/. Partopreni povas ankaŭ nekuracistoj-samideanoj, kiuj vizitos Pragon okaze de la Antaŭkongreso en Bratislavo.

Tiucele ili ŝatus ekscii, ĉu ankaŭ iu alia arangos ekskurson por Kongresanoj, kiam kaj kien /ekz. al Altaj Tatroj, Piešťany, Brno-Macocha ktp./-

Bona afero estus publikigi anoncon pri niaj ekskursoj, en diversaj gazetoj: Internacia Medicina Revuo, Heroldo de Esperanto, Revuo Esperanto, Starto ktp. Tiamaniere povus aliĝi sufiĉe da interesuloj. Ĉu vi jam faris ion ĉi-rilate? Skribu al ili!

---

Kara Esperantisto Slovaka!

Vian alvokon sur la paĝo 62 de la 7-a numero 1969 mi tre volonte obeas. Pri via laboro, t.e. informado, kaj aperado, formo kaj redaktado mi povas paroli nur en superlativoj, sen esti nur iomete troiganta. Vi estas mia plej fidela helpanto ĉe mia laboro, konsistanta ĉefe el la redaktado de nia p o r b l i n d u l a r e v u o - "Aŭroro", festanta ĉi-jare sian 70-jaran ekziston, kaj el la redaktado de ĉiumonata rubriko "Z esperantského světa" en la ĉeĥa porblindula revuo "Zora", kaj el la gvidado de distra Esperanto-instruado.- Estas necese esti ĉiam bone informita, kaj vi ĉiam bone helpas min kiel apenaŭ iu ajn el la ricevataj enlandaj bultenoj. Multegan dankon! Pluan prosperon!

Nur unu mankon mi tamen bedaŭras! Via aspekto: la valoro de Esperantisto Slovaka meritas pli bonan paperon kaj modernan preson. Mian dankon do mi finas per la plej sincera deziro, ke ĉi tiu manko baldaŭ malaperu... Vuk Echtner, Postřekov u Domažlic.

/Rim. de la red.: Por presita gazeto mankas al ni mono! Vidu la sorton de Zprávy!/

---

ESPERANTO SURVOJE AL LA RADIO EN SVEDIO... Dank' al bonaj rilatoj ĉe la radio-instancoj, niaj svedaj s-anoj antaŭvidas enkondukon de Esp-o en la disaŭdigojn por eksterlando. Jam antaŭ 20 jaroj Sveda Radio uzis E-ton, sed poste ĉesis "pro buĝetaj kazoj". Nun estas pli bonaj kondiĉoj, sed dependas de ni esperantistoj, ke la stacioj, uzantaj E-ton, plimultiĝu kaj konstante restu aktivaj en la uzado de Internacia Lingvo.

Estas preparataj tri novaj sendiloj, pli modernaj kaj pli efikaj ol la ĝisnunaj por la programoj, destinitaj por eksterlanda aŭkultantaro. Oni nuntempe elsendadas en ses lingvoj: franca, rusa, angla, hispana, germana kaj portugala.

Kion vi volus scii pri Svedio? Proponu programojn laŭ via propra gusto, ekz. pri literaturo, teatro, filmo, turismo, sociaj aferoj, kulturo, religia vivo, sporto, muziko ktp. Skribu rekte al Radio de Svedio, Depart. por disaŭdigo eksterlanden, S-105 10, STOCKHOLM. La kvanto de leteroj montros, ĉu oni povas antaŭvidi aŭkultantojn. Ne timu diri, ke viaj svedaj amikoj-esperantistoj petis vin skribi. Oni nun atendas la reagon de esperantistoj ekster Svedio. Skribu tuj, amase!

## L E T N Ý  E S P E R A N T S K Ý  S E M I N Á R  A  K U R Z  V  L A N Č O V E

Esperanto-Junulаro v Třebíči usporiada v dňoch 1.7. - 11.7.1970 seminár pre funkcionárov esperantskej mládeže. Seminár je určený pre pokročilých, jeho hlavnou náplňo bude konverzácia, ťažšie časti gramatiky, svetová organizácia esp. mládeže -TEJO, oboznámenie sa s novými učebnými metodami a pomôckami, spev a hry. Popoludní bude kúpanie, vychádzky a športy. Večery prežijeme pri táborových a besedových ohňoch. Medzi prednášajúcimi bude prof.Teodor Kilian,autor učebníc, Jozef Vítek,preds.ČEA.

Zúčastniť sa môže mládež od 12 do 30 rkokv, výnimočne so súhlasom usporiadateľa i starší, ktorí po návrate budú pracovať s esperantskou mládežou v kluboch alebo krúžkoch. Počet účastníkov je obmedzený: každý klub či krúžok môže vyslať najviac 2 účastníkov. Cena pobytu: pre zárobkové nečinných Kčs 150.-, pre zarábajúcich 200.--

K u r z  bude v dvoch naukobehoch: I. od 12. do 25. júla,
II. od 26. júla do 8. augusta 1970.

UBYTOVANIE: v stanoch po 2 osobách a pre niekoľkých v jednoduchej chate.

STRAVA: 5x denne.- Každý účastník je povinný dodržiavať táborový poriadok, pravidelne navštevovať niektorý z kurzov esperanta a podrobiť sa záverečnej skúške.- Kurzy budú rozdelené na skupinu A - začiatočníci, B - pokročilí, C - konverzačný, D - pre kandidátov učiteľstva.

Na programe každého naukobehu je výlet na zámok v Jaroměřiciach n/Rok.,do Třebíča, na zámok Náměšť a na hrad Bítov. Obe etapy a seminár budú so zahranič.účasťou.

Cena pobytu v jednom naukobehu je - pre prihlásených do konca apríla - Kčs 350 vrátane kurzovného, pre mládež do 15 rokov Kčs 320. Po tomto dátu Kčs 380, pre mládež do 15 r. Kčs 350.- Prihláška je platná až po zaplatení zálohy najmenej Kčs 150.- Doplatok sa vyrovná pri nástupe do tábora. Príjem zálohy potvrdíme zároveň s oznámením o prijatí. Prijať možno len účastníkov nad 12 rokov a na celý naukobeh. Ak sa účastník odhlási najneskoršie 14 dní pred začiatkom tábora, vráti sa mu polovica zálohy. Na neskoršie odhlášky nemožno mať zreteľ a záloha prepadne.

Tábor z poverenia Českého zväzu esperantistov v Prahe usporiada Klub esp-istov, Esperanto-Junularo v Trebíči. Bližšie informácie a ďalšie prihlášky na požiadanie pošle Klub esperantistov v Třebíči, pošt. schr. 72, ČSR - Morava.

Chcete sa učiť esperantu podľa "Če-metódy"?. Ak áno, vyžiadajte si učebné texty na adrese: Miloš Rybín, Štúrova 26/e, Liptovský Mikuláš.

Základy esperanta od Ed. V. Tvarožka dostanete za režijnú cenu Kčs 8.-na adr.: Esperanto poŝtfako 80, MARTIN.

La poemon de Ernesto Váňa "Vilaĝa virino" el ES 1968 represis The British Esperantist en la junia n-ro 1969, kiun ni ricevis interŝanĝe. La poemon "Sopiro" el la Martina n-ro de Zprávy-Informoj /aŭtoro Miloš Raveň/, represis la bulteno de Esperanto-klubo en Turku,Finnlando /redaktoro s. Kavenius/.

K o r e s p o n d i  d e z i r a s - i n t e r ŝ a n ĝ i  ŝ a t u s :

Georgi Simonov, ul. Kosta Jordanov 15., VIDIN, Bulgario, serĉas gekorespondantoj por siaj gekursanoj. Respondo certa!

VEGETARANOJ, anoncu viajn adresojn kaj de viaj konatoj-vegetaranoj al Ernesto Váňa, DUDINCE, okres Zvolen, Slovakio-ČSSR por reorganizi Tutmondan Veget. Asocion!

BILDKARTOJN por siaj anoj ŝatus ricevadi Esperanto-rondeto DUDINCE, okres Zvolen, Slovakio - ČSSR.

BELAJN BILDKARTOJN, STEREODISKOJN ŝatus interŝanĝi gelernantoj de ZDŠ /Baza 9-jara Lernejo/ ŠAHY, okres Levice, Slovakio - ČSSR.

Internacia klubo "Revo", Mokykla-internatas, ŠALČININKAJ, Litova SSR, USSR, sendas l-a-majan deziron: "Efektiviĝu viaj revoj kaj esperoj, alte leviĝu en ĉiu lando kaj en ĉiu loko la Verda stelo! /Rim.de la red.: salutu ilin la 20-an de aprilo!/

SE VI VOLAS PRUNTI FILMOJN KUN ESPERANTAJ TEKSTOJ, skribu al s-ano Ernesto Váňa, DUDINCE, okres Zvolen, Slovakio-ČSSR, kiu transdonos vian peton al Kleriga Instituto, Kabineto Banská Bystrica. De s-ano Váňa vi povas ricevi ankaŭ ESPERANTAJN INSIGNOJN /steletojn/ - skribu al li ĉar li havas ankoraŭ iom da ili surstoke.

Antaŭ 3 jaroj redonis al ni s-anino Nadja C. kelkajn adresojn: provu renovigi la kontaktojn. Ni mencias nun la unuan: Anatoli IVASENKO, Sverdlova 4, Gorjaĉij Ključ pereulok, USSR, Kaŭkazo /nun 21-jara elektristo/. Li interesiĝas pri interŝanĝado de koloraj bildkartoj, fotoj de filmstelo j-aktoroj, diskoj kaj Esperantaĵoj.

I I - a n  E S P E R A N T A N  K U L T U R - F E S T I V A L O N -

arangôs Esperanto-rondeto Ostroj en O P A V A en la tagoj 3.VII. - 6.VII. 1970. Post la sukcesa I-a E. Kultur-festivalo en 1967 je honoro de Nacia Artisto Petro Bezruč, autoro de Sileziaj Kantoj, ankaŭ la dua estas ne nur afero de esperantistoj, sed ankaŭ de la pli vasta publiko. Ĝi estas dediĉita al Ludwig van Beethoven. La programo konsistos el teatra vespero, koncerto el la verkoj de Beethoven, el ekspozicioj, poste trarigardo de la urbo kaj ĉirkaŭaĵo kaj ferma tutaga ekskurso tra la plej interesaj lokoj de la Odra-montaro. Ĉiu partoprenanto ricevos iujn preparatajn aldonaĵojn, okazajn presaĵojn, prospektojn k.s.

La arangântoj firme kredas, ke la II-a Esperanta Kultur-festivalo firmigos la prestiĝon de Esperanto antaŭ la publiko. Tial ili petas vin, informu ĉiujn esperantistojn kaj rigardsekvu en la gazetaro ĉiujn sciigojn kaj informojn pri la Festivalo. Informoj petu de Esperanto-rondeto Ostroj, poŝtfako 28, OPAVA,ČSR.

.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-

VIII-a Somera Esperanto-universitato en Gyula, Hungario, 5.-11.VII.1970

Programprojekto de la prelegoj:

Grandaj hungaraj majstroj de la muziko /III-a parto/: Béla Bartók. 2. Hungaraj pejzaĝoj /IV-a parto/: De partemento Békés. 3. Belarto /V-a parto/: György Kohán. 4. Folklora arto /II-a parto/ : Skulptado. 5. Eminentuloj de la scienco: V.I. Lenin. 6. La celoj de la moderna geofiziko. 7. Klasikuloj de la moderna literaturo: Shakespeare. 8. La unuaj internaciaj lingvoj en la historio. 9. Dante kaj la astronomio. 10. La nuntempa Esperanto-movado.

Bonvolu precize kaj preslitere plenigi la rubrikojn de la aliĝilo kaj sendi ĝin al la adreso: Somera Esperanto-Universitato - TIT - GYULA, 48-as u. 11.Hung. Aliĝojn, kiujn ni konfirmas, ni akceptos nur ĝis la 31-a de majo 1970.

Kotizoj: en hotelo 1000 forintoj, en studenta hejmo 700, nur por prelegoj 100. Eksterlandanoj povas asigni la partoprenkotizon al la ĉekkonto de TIT aŭ post la alveno pagi kontante.

Krom la perlegoj okazos interkona vespero, koncerto, ekspozicio, banado kaj hungara vespero. La aŭtobusajn ekskursojn niaj gastoj povos libervole partopreni. Varbantoj, grupestroj en- kaj eksterlandaj, kiuj garantios la ĉeeston de minimume 20 persona grupo, ĝuos 100%-an rabaton, do povos partopreni senpage; tiuj kun 10-persona grupo ricevos 50%-an rabaton.

.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-

Al la legantoj de ES koran saluton sendis la partoprenintoj de la 11-a Skisemajno de Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno en Vrátna-valo apud Terchová en Slovakio /31.I.-7.II.1970/. Subskribitaj: La Kovár, Ed.Tvarožek /kaj nelegebla/

.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-

Pri INTERSTENO skribas s-ano Clem. Daglio, I. 15050. COSTA VESCOVATO,ITALIA: "En via lando vivas almenaŭ 3 Interstenanoj /1 viro, 2 virinoj/, sed la plej lerta estas s-ro Adolf Staňura, Čkalova 25, Ostrava - Poruba. Li kontribuas per tutaj paĝoj al la oficiala organo de Intersteno. Li estas perfekta stenografiisto nacia kaj Interstenano, kaj valora, afabla persono.

Via organo estas riĉa, Intersteno estas faka kaj malriĉa. Ĉu vi akceptos anoncetojn? /Rim. de la red.: ankaŭ ES estas malriĉa, do ĝi aperigos seriozajn anoncetojn tute senpage!-

Interstenanoj sciigu al ni viajn adresojn kaj interesiĝantoj pri ĉi tiu metodo de stenografio, adaptita ankaŭ por Esperanto petu pli detalajn informojn de s-ano Clem. Daglio.

.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-

ONI INSTIGIS NIN aperigi k o n s i l o j n kaj respondojn al la demandoj de niaj Esperanto-rondetoj. Ni atentigas, ke nia redakcio ne povas miksiĝi en la organizajn aferojn de nia movado. La interesiĝantoj bonvolu skribi al Asocio de Esperantistoj en SSR /la adreson vidu en la O.I./ kaj la kopion de la letero/j/ sendi al s-ano Ed. V. Tvarožek /OSVTEI, Horné Srnie, okres Trenčín/.

.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-

Samideano Aleš Berka en Vsetín, Na hrázi 1423, ČSR-Moravio, preparas II-an libron de Interesa Legaĵo kaj serĉas por ĝi kontribuaĵojn. Ni rekomendas al niaj aŭtoroj, poetoj k.s. subteni lian klopodon, ĉar temas denove pri presita libro!

DOVOLENKA - REKREÁCIA - KULTÚRA - SLNKO - VZDUCH - VODA !!!

V Letnej škole esperanta v kúpeľoch Dudince!!!*

Usporiada ju Esperantský krúžok pri Osvetovej besede v Dudinciach, pod záštitou Zväzu esperantistov SSR a Osvetového ústavu - Kabinet Banská Bystrica v dňoch 5. - 19. júla 1970.

Ubytovanie turistické v drevených chatkách na táborisku a v ubytovni MNV po 4-5 posteliach, na želanie prípadne i v súkromných bytoch za príplatok, čo však treba vopred vykorešpondovať.

Stravovanie ľubovoľné v troch reštauráciach a 7 bufetoch.

Denný program: od 8.h. do 12.30 vyučovanie esperanta v prírode /prineste sivhodný oblek!/. - Každý deň popoludní kúpanie v termálnom bazéne štát. kúpeľov za Kčs 3.- /plavky si treba priniesť/. - Vyučovať sa bude v 3 kategoriach: A - pre začiatočníkov, B - pre pokročilých, C - pre učiteľov esperanta. /Po skončení kurzu každý účastník dostane vysvedčenie/. - Večer kultúrny program, prednášky, jazyková poradňa, hudba, spev.- Hudobné nástroje vítané.

Zraz účastníkov školy bude dňa 5. júla o 19 hod. na táborisku pri chatkách.

Poplatok za ubytovanie /14 nocí/ spolu s kurzovným je Kčs 250.-, čo treba s prihláškou urýchlene poslať, lebo možno prijať len obmedzený počet! Predĺženie pobytu, alebo skorší nástup sú možné.

Informujte i svojich priateľov a známych. Prihlášky, poplatok a všetku korešpondenciu adresujte: Ernest Váňa, DUDINCE, o. Zvolen, s poznámkou: "Škola esperanta".

---

GRAVA ATENTIGO! Se vi sendos propagandcele aŭ donace unuopajn n-rojn de ES, meṯu ilin en koverton, ĉar alie vi devus pagi plialtigitan /duoblan/ afrankon kiel organizaĵoj. Por ĝin ŝpari, ni eldonados n-rojn kun duobla amplekso, 40-gramajn, 4 - 5-foje jare.

---

La kompleta adreso de Inĝ. Aleš Bednařík, kiu serĉas la II-ajn partojn de UEA-jarlibroj, tekstas jene: Svätoplukova C/6, SENEC, o. Bratislava-vidiek. Ni petas pardonon.

E S P E R A N T O
poŝtfako 80,
MARTIN, ĈSSR-Slov. Soc. Resp.




S-ro
Jan Zawada
ul. Pruszkowska 6, m 48
Warszawa 21
Pollando

I M P R I M É S
Otvorená listová zásielka




Esperantisto Slovaka, nepravid. bulletin, vydáva Dom kultúry ROH Turč. strojární v Martine pre Slov. esperant. ústav pri Esp. klube /preds. A. Čambál/. Rediguje - MUDr. Ľudovít Izák, rubriku O.I. vedie Ed. V. Tvarožek, Vegetarismo E. Váňa.

Registr.: KNV B. Bystrica K-593/68.Or.
ODO Martin 233/1970.